14-12-2004

# Argentina E-Vento


**9-a jaro n-ro 20 2004:4**

Oficiala organo de Argentina Esperanto-Ligo

[Reta Versio]



Redaktoro: (de 1996)

**Rubén T. Diaconu Tkachenco**

<rubendiaconu@yahoo.com.ar>

**Redakt-kunlaboranto: Rubén L. Sánchez**


Pri la subskribitaj artikoloj respondecas iliaj aŭtoroj

AEL-TTTejo: **www.esperanto.org.ar**



## Enhavo



****************************************************************************

## Komitata Salutvorto

Ni profitas la ĉijaran lastan numeron de nia revuo por sendi festajn kaj finjarajn salutojn al la tuta landa esperantistaro, festojn kiujn ni komencos la 15-an de decembro: tutmonda "Esperanta Tago".
La komitato de AEL klopodis daŭrigi laŭeble normalajn taskojn kun emfazo en la klopodo sekvi nian planagadon de la lasta Asambleo. Do, ni invitas vin al la venonta Jara Asembleo kiu okazos dum la somera ferio je la dato elektita, t.e. la 12-an de februaro 2005, en Bonaero, en la sidejo de BEA, strato Paraguay n-ro 2357.
Ankaŭ, ne forgesu ke ni devos pagi nian aliĝon al UEA por la venonta jaro, preferende antaŭ la jarfino, kaj kompreneble ankaŭ nian aliĝon al AEL, kiu estos ege bonvena. Se vi ne rekte aliĝas al UEA, bv. kontakti la ĉefdelegiton Rubén Sánchez.
Krome, oni memoras ke niajn informojn ni sendas pere de <argent-reto>, do bv. nepre aliĝu al nia listo, ankaŭ por ke ni reciproke informiĝu pri niaj novaĵoj kaj opinioj.
Elkore salutas kaj deziras Feliĉan Novjaron 2005!
*Nome de la AEL-Komitato: A. Wentink, prezidanto; R. Sartor, sekretario.*

<u>El esperanto en nuestros días</u>

## "La igualdad lingüística en las relaciones internacionales"

***Introdución al tema del 89º Congreso Universal de Esperanto.***
***Disertación del Dr. Humphrey Tonkin, (Pekín, China, 25 de julio, 2004)***

La lengua internacional esperanto fue creada en espíritu de igualdad.
Sus fundadores argumentaron que, si personas de diversas lenguas hablan esperanto entre sí, hablan en igualdad. Si yo, como hablante del inglés, insisto en que ustedes hablen mi lengua, eso es desigualdad. Su ustedes como hablantes, por ejemplo de la lengua china, insisten en que yo hable su lengua en nuestras relaciones, también eso es desigualdad. El esperanto propone una alternativa neutral a la hegemonía de las lenguas.
Hoy en día, en las relaciones internacionales algunas lenguas están fortalecidas y algunas debilitadas. Un país, cuya lengua no es usada internacionalmente, debe invertir grandes sumas para instruir lenguas extranjeras a sus ciudadanos. Si ese país quiere vender sus productos en el exterior, debe usar otras lenguas. Si quiere crear relaciones culturales, científicas o políticas, debe utilizar lenguas extranjeras. Sin embargo, aquellos países cuyas lenguas son usadas vastamente en el extranjero, no deben invertir tanto dinero en la enseñanza de lenguas foráneas, y no necesitan utilizar otras lenguas para los intercambios científicos, políticos o culturales. Si sus lenguas son habladas internacionalmente, pueden atraer científicos, estudiantes, turistas.
Por lo tanto, ganan una gran ventaja por el fortalecimiento de sus lenguas.
Aquí en China, - como por otra parte también en todo el mundo - se invierten sumas enormes en el aprendizaje del inglés, con resultados solamente parciales - y sólo para alcanzar el mismo nivel que alcanzan los niños pequeños nacidos hablando la lengua inglesa.
Y cuánto mayor cantidad de chinos aprenden la lengua inglesa, más ventaja tienen los nacidos hablantes del inglés y sus países anglófonos.
Este sistema, según el cual el ser humano de una nación está obligada a usar la lengua de otra nación para comunicarse internacionalmente, no es equitativo. Es discriminatorio.
Los hablantes de esperanto argumentan, que la lengua internacional coloca a todas las personas en una posición de igualdad. Porque el esperanto es más fácil de aprender que muchas otras lenguas, no necesita una inversión tan grande como el aprendizaje de otras lenguas. Si todos los seres humanos utilizaran al esperanto para los contactos internacionales, todos se hallarían al mismo nivel. El esperanto es completo, flexible, una lengua rica en expresiones: es útil para todos los propósitos. Él puede crear un elemento de igualdad en las relaciones internacionales.
Sin embargo muchos dicen, que el esperanto es solamente un fantaseo, un "sueño hermoso". Vengan a nuestro Congreso Universal. Aquí encontrarán mujeres y hombres que lo hablan, y lo usan - que no fantasean o sueñan, sino que están despiertos plenamente.

Para nosotros, el esperanto no es una utopía, sino una realidad práctica.
No obstante, si queremos convencer al mundo de que el esperanto es una solución práctica al problema de la desigualdad de las lenguas, debemos afrontar y comprender los contra-argumentos; debemos conocer los hechos; debemos perfeccionar nuestra propia comprensión.
Por ello discutiremos aquí el tema: "La igualdad lingüística en las relaciones internacionales".
Si ustedes quieren convencer a otros seres humanos acerca del valor del esperanto, y si quieren trabajar por el esperanto, vengan a los encuentros sobre el tema del Congreso y participen en la discusión. Esa discusión se efectuará en grupos pequeños, donde tendrán ocasión de presentar libremente sus puntos de vista.
Hemos elegido el tema para este Congreso en Pekín porque opinamos, que aquí en China se necesita el esperanto.
Sí, las realidades del mundo moderno hacen necesario el aprendizaje de muchas lenguas extranjeras y también del inglés. Pero China debería tender hacia una solución bilingüe para las relaciones internacionales: la lengua inglesa para la vida internacional práctica actual, pero el Esperanto para construir nuevas relaciones internacionales de igualdad en las cuales China y U.S.A., China e India, China y Europa, China y los países de Sur y Centroamérica, China y África, sean socios iguales y amigos en la construcción de un mundo amistoso e igualitario.
Las ventajas prácticas del Esperanto para este país son evidentes. Y los esperantistas las vemos diariamente en nuestro Congreso Universal, donde los que hospedan y los hospedados colaboran en un ambiente espiritual armónico y práctico.
He aquí la igualdad lingüística, he aquí las relaciones internacionales verdaderas.
Entonces les pido participar en las discusiones acerca del tema del Congreso. Yo mismo conduciré los encuentros junto a mi colega el Dr. Paulo Gubbins. Los consideramos bienvenidos también a ustedes.
***Humphrey Tonkin, lingüista, Prof. de la Universidad de Hartford, Estados Unidos.***
*(Traducción de: Alfredo Valle).*

<u>Amerike</u>

# Sukcesa Datreveno de UNESCO-Rezolucio en Urugvajo

**La Urugvaja Esperanto-Societo ĉe la Internacia Libro-Foiro en Montevideo,**
***realigita de la 27-a de aŭgusto ĝis 12-a de septembro 2004***

Okaze de la 50-a datreveno de la Rezolucio de UNESCO favore al Esperanto en ĝia Ĝenerala Asambleo de la 10/12/1954 en Montevideo, ĉijare la Urugvaja Esperanto-Societo aktive partoprenis en la Internacia Libro Foiro, kiun ĉiujare estis vizitata de 70.000 personoj.
Mi rakontetos mian sperton ĉe la budo dum pasinta dimanĉo, 29-an de aŭgusto 2004, de la 14h00 ĝis la 22h00.
La Societo instalis budon kun multkoloraj kaj multemaj libroj, revuoj, kongresaj afiŝoj kaj muziko, kaj disdoniĝis flugfoliojn montrante diversajn vizaĝojn de Esperanto, i.a. pri la lingvo mem, kursoj, vojaĝoj, ĝenerala literaturo, interreto, kongresoj, medicino, ktp.
La unua vizito de la dimanĉa vespero estis televida ĵurnalistino kiun alproksimiĝis kune kun la filmisto, ili demandis ĉion pri Esperanto. Ili havis la ideon ke Esperanto estis tro malfacila lingvo, ankaŭ la ĵurnalistino diris nin ke kiam ŝi intervjuis la direktorinon de la Foiro, substrekis al ŝi pri Esperanto budo; kaj menciis pri ĝi kiel la nova perlo ĉe la foiro. Ili kunportis flugfoliojn kaj foriris kun novaĵoj por televida programo. Ankaŭ jam la plej grava ĵurnalo el nia lando informis en la pasinta semajno pri la novaĵoj en la Foiro kaj substrekis pri Esperanto budo donancante novajn kolorojn al la foiro.
Rimarkindas, ke ĝenerale la plej granda kvanto da vizitantoj ne konis pri Esperanto, ĉefe la junuloj, kaj la plenkreskaj homoj havis la ideon, ke Esperanto jam estis mortinta ideo. Sed tre ofte ni aŭdis esprimojn kiel: "estas mirinda ideo", "estas tre interesa", "ni lernos ĝin".
Inter la plej oftaj demandoj dum la dimanĉa vespero estis: kio estas Esperanto?, kia utileco donas lerni ĝin?, kiam ekaperis?, kiu elpensis ĝin kaj kial?, kie oni parolas ĝin?, kiel sonas? kiel oni

skribas?, ĉu estas kursoj en interreto?, kion faras la Societo?, ĉu oni vendas librojn?, kiom kostas la revuon Asteriks?
Ĉe la foiro partoprenis ne nur gravaj naciaj kaj internaciaj eldonaĵoj, sed ankaŭ kelkaj ambasadoj de pluraj landoj, unu el tiuj estas la ambasado el Pollando. Ĝuste tiu dimanĉo ĉeestis antaŭ la budo, Drino Manikowsky kiun jam konis pri Esperanto, tiam ni decidis mallonge demandi al ŝia laborakompananto s-ro Bogdan Arazny, kiu estas tradukisto de la pola lingvo, pri kio okazadas kun Esperanto en Pollando. Li diris "en nia lando okazas kongresojn, ekzistas grupojn kaj eble iom okazas ĉe la Universitato, sed la ideo ne multe progresis". Kaj mi demandis ankoraŭ pli, kaj fine mi informis pri nia budo kaj demandis ĉu ili konis Radio-Pollandon en Esperanto, mi substrekis ke Pollando estas famega en Esperantujo dank'al tiu radio. Tiam jes, tiu novaĵo pri la radio suprizigis lin, li ne havis ideon pri radio en Esperanto ĉe Pollando. Ili ne havis biografion de Zamenhof, kaj mi diris ke ni eĉ havis libron montrante la centojn da stratoj, monumentoj, tra la mondo, ktp, kiuj memorigas la mirindan kreaĵon de Zamenhof, ktp. Do, mi ŝatis ludi esti ĵurnalistino.
Krom legi, aĉeti librojn kaj revuojn, en la Foiro ankaŭ eblis partopreni prelegojn kaj literaturajn konkursojn. Jam okazis la unuan prelegon en Esperanto, ĝi titoliĝis "Esperanto kaj amaskomunikiloj" de nia amiko Daniel Bebelacqua la pasintan sabaton. Bonega novaĵo por ni estis la vizito de prof. Geraldo Mattos (Brazilo), kiu vizitis nin okaze de ĉi tiu evento, kaj prelegis dufoje, unue ĉe la Foiro, sabate la 4-an de septembro je la 21h00, kaj la dua prelego estis ĉe la Universitato, en la Fakultato pri Humanecoj, lunde la 6-an de septembro je la 18h00, ĉi tiu prelego titoliĝis "Al ĉiu lingvo respondas kvar gramatikoj".
Kompreneble, temas nur pri mia unua sperto ĉe la ĵus komencanta foiro pro Esperanto, kaj jam per informoj de aliaj samideanoj ni scias ke hieraŭ lunde estis ankaŭ tre mova kaj interesa, ekzemple oni petis paroli laŭte per mikrofonoj cele koni kiel sonas Esperanto, kaj ankaŭ aliaj ĵurnalistoj el pluraj televid-stacioj, radioj kaj ĵurnaloj iris peti informojn.
Fina kaj certa diagnozo: La budo pri Esperanto donacis sanon kaj energion, kaj ni estas feliĉaj povi ĝuii ĉi tiun eventon. Ĝi estis ĝis dimanĉo, la 12-an de septembro.
Dankon al ĉiuj kiuj ebligis nian ĉeeston ĉe la plej grava Foiro en nia lando.
*Raportis: Sandra Burgues-Roca, Montevideo*

# Akademia prezidanto en Urugvajo

*Prof. Geraldo Mattos, prezidanto de la Akademio de Esperanto, vizitis Urugvajon kaj prelegis en Montevideo kadre de la Libro-Foiro.*

### El Presidente de la Academia Internacional de Esperanto visitó Uruguay

En el marco de la Feria Internacional del Libro que se realizó del 27 de agosto al 12 de septiembre de 2004, en el predio del Laboratorio Tecnológico del Uruguay, (LATU), el Presidente de la Academia Internacional de Esperanto, Profesor Geraldo Mattos, brindó sendas charlas los días 4 y 6 de septiembre. El tema de las mismas giró en torno a la gramática, la lingüística y el esperanto. La primera se realizó en el predio ferial y la segunda en la Facultad de Humanidades.
El Prof. Mattos visitó Uruguay especialmente para esta ocasión, fecha en la cual se festeja el 50° aniversario de la primera resolución de un organismo de las Naciones Unidas favorable a la lengua internacional esperanto. El hecho trascendental ocurrió un 10 de diciembre de 1954 en la Asamblea General de UNESCO que se realizó en ese momento en Montevideo, en el Palacio Legislativo de la República Oriental del Uruguay.
Arisbel Luberto, en carácter de representante en Uruguay de la organización que promueve la lengua internacional, invitó a visitar el *stand* conmemorativo en el LATU, atendido por adherentes a la Sociedad Uruguaya de Esperanto, montado con el apoyo de la Asociación Universal del Esperanto con sede en Rotterdam, Holanda.

Luberto comenzó a estudiar la lengua internacional en la Ciudad de México en 1981. Desde 1992 es miembro de la Asociación Universal de Esperanto y actualmente es instructor de esperanto en Montevideo y secretario de la Sociedad Uruguaya de Esperanto.
*<argent-reto>*

Turisme

## Someras en Argentino

Ĉu vi konas Argentinon? Certe vi scias, inter pluraj aliaj aferoj, ke en nia lando someras kiam en Eŭropo kaj aliaj nordaj kontinentoj nun estas vintro.
Tamen, laŭ la ega longeco de la teritorio de Argentino, eblas trovi malsimilajn temperaturojn, kiuj altiĝas de 5° - 10° C en la sudo, kiel en provinco *Tierra del Fuego [Fajrlando]*, ĝis 40°-45° C en la nordo, en provincoj *Chaco, Formosa* aŭ *Misiones.*
Tiu ĉi fakto de la vetero donas al la tradicia jarfina festo kaj Kristnasko manko da neĝo.
Same tiu ferio, kiu tiutempe estas por lernantoj kaj laboristoj ebligas vojaĝi kaj ripozi.
La nuna ekonomika situacio iomete malebligas facilan aĉeton de usonaj dolaroj aŭ eŭroj - bezonataj por veturi eksterlanden-, kaj tiel por argentinanoj pli eblas vojaĝi ene de nia propra lando. Sed ĉi-tiu situacio pli favoras al la eksterlandaj turistoj kiuj venas al Argentino.
Laŭ Pasporta Servo vi povos gastigi en pluraj urboj kaj koni la imponan sudon, la mirindan subtropikan nordon aŭ la allogan centran regionon. Cetere, vi ankaŭ trovos aliajn ge-esperantistojn, se vi frue kontaktiĝas kun la Landa Kunordiganto de tiu E-servo de TEJO kaj Argent-EJO, <esperantobonaero@yahoo.com.ar>
Konsilindas viziti la TTT-ejon: http://admirindaargentinio.ifrance.com
***Venu, kaj konu Argentinon!***

AEL-informas
[Oficiala Komuniko]

## Venonta Jarkunveno de AEL 2005

Laŭ decido dum la antaŭa Asembleo, la venonta Jarkunveno de AEL okazos dum somera ferio, la 12-an de februaro 2005, en la sidejo de Bonaera Esperanto-Asocio, str. Paraguay 2357, Ciudad Autónoma de Buenos Aires.

## AEL ĉe la “Tago de Plurlingvismo”

Vendrede la 1-an de oktobro 2004, la Universitato UMSA de Buenos Aires,
apoge de la Internacia Unio Latina, organizis "Tagon de Plurilingvismo", kun la partopreno de profesoroj kaj delegitoj de Unio Latina, Eŭropa Unio, Kanado, Haitio, ktp. kaj lokaj funkciuloj de la landa Ministerio pri Edukado. En la prelegoj estis prezentitaj la problemoj de plurilingvismo en Eŭropo, Kanado kaj latinamerikaj landoj, kaj en la argentinaj lernejos, kie la infanoj indiĝenaj aŭ inmigrintaj, bezonadas specialajn instruistojn almenaŭ dulingvaj. La ekspozicio pri Eŭropa Unio estis tre grava, kaj oni ege informiĝis pri la kostoj de la tradukado, nura solvo trovita ĝis nun. Kompreneble, oni donis al ni la ŝancon plurfoje paroli pri Esperanto, la internacia lingvo, vera solvo por la homa babelo. Kvankam Esperanto ne estas strikte latinida lingvo, eblas ke UEA eniru en rilatoj kun la UNIO LATINA. [ http://www.unilat.org ]
Partoprenis, nome de AEL, Silvia Rottenberg kaj Roberto Sartor.

## NESTO-Kunveno en Bonaero

Kiel anoncite la 6-an de novembro 2004, okazis en Bonaero, kunveno pri instruado de Esperanto fare de kursoj en la Reto, ĉefe "Projekto-NESTO".
AEL, kiel E-ligo de argentinanoj, favoras kaj apogas ĉiujn privatajn agadojn de siaj membroj, refere al la disvastigo kaj instruado de Esperanto, laŭ la spirito de planagadoj de UEA kaj niaj landaj regularoj.

Prelegis pri la temo, Miguel Angel Ruffinengo, nun "reprezentanto" en Argentino, de la brazila grupo MONDA, kiu de nun administras la kurson NESTO <http://www.monda.org/nesto>.
Resume kaj konklude de la kunveno ni povas informi ke:
(1) La kurso NESTO KaPe-Gerda, antaŭe prizorgita de la UEA-Amerika Komisiono, senpage, estos nun administrata de Grupo MONDA, <http://www.monda.org> kiel "paga kurso" en la reto. Ĝi havos "reprezentantoj" en ĉiuj landoj. La reprezentanto en nia lando estos Miguel A. Ruffinengo, el Rosario <mikaelo40@hotmail.com>. Li distribuos novajn lernantojn inter instruistoj interesataj kunlabori, kaj li aliĝos novajn instruistojn. Personaj kondiĉoj pri kunlaborado ĉiu ajn akordigos persone kun la reprezentanto, kiu pretas doni informojn kaj trejnadon por la laboro.
(2) Ĉiuj scias ke interreto estas granda ŝanco por la disvastigo de Esperanto, kaj AEL, Argentina Esperanto-Ligo, ekde kelkaj jaroj eniris en la Reto, sian kurson *"¿Sabe Ud. Esperanto?"* [de J. Hess] <http://www.geocities.com/sue_hess> por ke ĉiu ajn interesito povu lerni sole la lingvon aŭ almenaŭ iniciatiĝi. En novembro 2002, d-ro Casartelli enretigis sian kurson <http://www.institutoesperanto.com.ar> kun la eblo havi helpon de instruisto aŭ faciliganto por gvidi la lernadon. La Kurson en du jaroj havis pli ol 20.000 vizitantojn, sed oni ne eblis kontroli kiom da lernantoj sekvis la kurson. Tamen estonte estos aldonita la eblon ekzameniĝi kaj ricevi ateston.
(3) AEL konsideras, ke NESTO KaPe-Gerda estas vere profesie administrata kaj sukcesa, do rekomendas kunlaboradon al la agado de Miguel A. Ruffinengo.
(4) En nia venonta asembleo, ni rekonsideros la temon kaj studos novajn proponojn por varbi studentojn aŭ diplomitojn de la reto, almenaŭ kiel "virtualaj membroj" de la landa movado <http://www.esperanto.org.ar>

## Grupa elektronika poŝto

"Argent-reto" estas informa dissendolisto por rete atingeblaj argentinaj esperantistoj. La listo estis iniciita la 5-an de oktobo de la jaro 1998. Post kiam la uzo de komputiloj komencis esti vaste adoptita de la s-anaro, AEL [Argentina Esperanto-Ligo], adoptis oficiale la liston, por interŝanĝo de informoj. La nunaj membroj aliĝintaj al la listo estas 83.
Kaj la nombro de mesaĝoj en ses jaroj atingis la kvanton de 4425.
Por aliĝi sendu malplenan mesaĝon al: <argent-reto-subscribe@gruposyahoo.com.ar>
Bedaŭrinde ankoraŭ ne ĉiuj s-anoj bone taksis la gravecon de la daŭra interkomunikado pere de la Reto. AEL profitas la okazon por inviti ĉiujn aliĝi al "argent-reto" kaj informiĝi kaj informigi. Landa movado povas nur unuiĝi kaj fortiĝi fare de reciproka informado al kio sekvos interkunlaborado.
En la oficiala paĝo de AEL <www.esperanto.org.ar> troveblas ĉefa institucia informado kaj oni povas aliĝi al AEL kiel "virtuala membro". Nia virtualaj membroj estas nun 47.
"Argent-EJO", havas propran liston por la juna grupo.

## Forpasoj

- La 3-an de septembro 2004 forpasis en *La Plata (Buenos Aires)*, s-ano José do Nascimento MARQUES je sia 84-a jaraĝo. Entuziasma esperantisto lernis la lingvon en sia juneco, en Barreiros, Portugalio, kie naskiĝis la 15-an de oktobro de 1920. Enmigris Argentinon loĝante ĉiam en la urbo La Plata, provinco de Buenos Aires, kun sia edzino Cármen. Membro de SAT Nº 34465, kies idealojn sekvis dum sia vivo, apartenis ankaŭ al AEL, Argentina Esperanto-Ligo. Ĝis lastatempo kutimis instruadi Esperanton kaj partopreni kunvenojn ĉe BEA, en bonaera urbo. Memorinda humila kaj fervora s-ano, restu en nia koro kaj memoro.

- Ĉe BEA, Bonaera Esperanto-Asocio, ni informiĝis pri forpaso de s-ino Rocio, patrino de Helena Morteo, aktiva esperantistino de BEA.

Nome de AEL, niajn simpatiajn kondolencojn al nia kara Helena.

- Ni informas, ke la 22-an de aŭgusto en Esperanza-urbo, Santa Fe-provinco forpasis s-ro. Armin Schneider (8/9/1916 - 22/8/2004), iama Lokdelegito de UEA dum kelkaj jaroj en tiu argentina urbo. Kondolencon al liaj edzino kaj familianoj. *[A.W.]*

## Ni ricevis interŝanĝe

AEL kaj la redaktejo de *Argentina E-Vento* dankas pro jenaj revuoj ricevitaj interŝanĝe:
Esperanto, NL; Israela Esperantisto, IL; Heroldo de Esperanto, CH; Brazila Esperantisto, BR; Antaŭen, ES; KAE-Informilo, ES; La Espero, SE; La KancerKliniko, FR: Kosmos, DK.

**AEL Jarkotizo**
Individua Membro: ................................$ 15,00
Junulo kaj Emerito: ................................$ 5,00
Virtuala Membro -kaj donacoj-: ................ laŭvole

## Dankesprimoj

AEL sincere dankas al ĉiuj aliĝintoj kaj kontribuintoj: M. Ibañez

Se vi ankoraŭ ne aliĝis kaj deziras kontribui al AEL, vi povas sendi vian kunlaboron per "Correo Argentino" al Mario José Miranda, Paraguay 2357-2, C1121 ABK Capital Federal. Aŭ por ŝpari monon, nur $ 4,84 (kiel postulo de la bankkonto)- per "Banco Patagonia"- "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, konto n-ro 394101439, de s-ro Oscar C. Monge.
Lastokaze ĉiam sciigu pri via depono al ĉi-tiu Redaktejo: rubendiaconu@yahoo.com.ar.
Ankaŭ eblas sendi al ni ne uzitajn argentinajn poŝtmarkojn.
Koran antaŭdankon al ĉiuj!

**ATENTON!**
**Aliĝo al AEL por 2005**
Kiel membro de AEL vi apartenas al komunumo de esperantistoj en Argentino, kaj en la mondo, do ni kore dankas ke vi ne forgesos pagi vian AEL-kotizon por la jaro 2005.
Laŭ eble ĉiam sendi la ĉi-suban AEL-(re) Aliĝilon.

---

***A E L - ( r e ) A l i ĝ i l o***
Bv., ĉiam sendi, ĉiujare, ĉi-tiun aliĝilon kune kun la koncerna abono. Dankon!

### * Individua aliĝo

Mi aliĝas al ***Argentina Esperanto-Ligo*** por la jaro.................
Kiel: Individua Membro ( ) Grupa Membro ( )
Dumviva Membro ( ) Patrono de AEL ( )
Abonas la revuon ***Argentina E-Vento*** ( )
Kontribuas por la AEL-agado ( )

Nomo kaj familia nomo................................................ Naskiĝdato.........................
Adreso................................................................. Identigilo n-ro..........................
Poŝtkodo kaj urbo................................................ Provinco..................................
Tel/fakso/E-poŝto .........................................................................................

### * Grupa aliĝo

Nomo de la rondo, klubo o asocio..........................................................................
Adreso .................................................................................................................
Nombro da membroj....................... (Bv. aldone sendi liston kaj adreson de la membraro)

Mi sendas al AEL ..........................................................................................

Dato......................................... Subskribo...................................................

## Feliĉajn Kristnakon kaj Novan Jaron!
Okaze de la jarfinaj festoj AEL sincere bondeziras al ĉiuj argentinaj esperantistoj.
Feliĉon, Pacon, Sanon kaj Prosperon dum la jaro 2005!

Novaĵoj

## Córdoba: Inaŭguro de E-biblioteko
Dimanĉe la 10-an de oktobro 2004, kun la ĉeesto de dudek geesperantistoj, estis inaŭgurita la novan sidejon de la E-biblioteko de la kordobanoj, ĉe la domo de s-ano Antonio Rampulla, kiu tiucele, bonvole pruntedonis komfortan ĉambron. Laŭ la volo de s-ano Rampulla, kundividita de ĉiuj la ĉeestantoj, la nova sidejo portos la nomon de nia karmemora s-anino Herminia K. de Fernández. En tiu okazo, filino de s-ino Fernández donacis la privatajn librojn de sia patrino por la Biblioteko. S-ino Eloisa Rico petis minuton da silento omaĝe de la forpasintaj gesamideanoj.
Fine, f-ino Emilia Rolando faris mallongan sed kortuŝan paroladon pri la senlaca laboro de s-ino Herminia, kaj dankis la sindoneman agon de s-ano Rampulla.
S-ano Rampulla klarigis ke la ĉambro, kiun li pruntedonas, estas nur biblioteko. Post du jaroj, eble li akceptos ke lia domo funkciu ankaŭ kiel sidejo de Kordoba Esperanto-Asocio.
*Marcelo Casartelli*

Internacie

# Nova Estraro de UEA elektita dum la 89-a Universala Kongreso
*La nova Estraro de UEA, kiu estis en Pekino elektita por la periodo 2004-2007 prezentis sin al pli ol 100 kongresanoj dum la UK.La nova Estraro estas 7-membra kaj la unuan fojon en la historio la virinoj estas en plimulto (kvar).*

**La nova/malnova prezidanto Renato Corsetti,** el Italio malkaŝis, ke li estas esperantisto de malnova speco, en la koro profunde finvenkisma. Li apelaciis je "komuna prudento" (kamparana saĝo) laŭ kiu ni komune sekvu plurajn vojojn ĉe niaj strebadoj, reciproke tolerante kaj respektante nin.
**La nova vicprezidanto Claude Nourmont,** el Luksemburgio, decidis okupiĝi pri kulturo, landaj asocioj, regionaj renkontiĝoj, kongresoj kaj edukado.
**La ĝenerala sekretario Ulla Luin,** el Svedio, volas okupiĝi pri mono, junuloj, pri organizaj stabileco de UEA, pri aktivaĵoj kaj iniciatoj de la membroj, ktp.
**Ans Bakker-ten Hagen,** el Nederlando, plu deziras zorgi pri **financo**, administrado de TEJO. Ŝi volas "konstrui ekonomie sanan asocion kaj serĉi vojojn kiel ligi esperantistojn al la movado"
La plej juna, 36-jara estrarano **Yu Tao,** el Ĉinio, estas la unusola aziano kaj li okupiĝos pri **Azia Agado** kaj strebos internacie vastigi la programon Amikoj de Esperanto.
**Maritza Gutiérres González**, ĵurnalistino el Kubo, estrarano de KEA, okupiĝos en la Estraro pri **Landa kaj Regiona Agado**. Ŝia celo estas "plifortigi la ligojn kun ĉiuj landaj asocioj kaj konsciigi ilin pri la forteco de UEA kaj pri grava rolo de ties brakoj".
**Amri Wandel**, profesoro pri astronomio kaj astrofiziko en Jeruzalemo, Israelo, okupiĝos pri la **faka kaj scienca agadoj**. Li klopodos trovi organizaĵojn ekster la movado kaj ligi kun ili sciencajn kontaktojn interveni per sciencaj agadoj en universitatoj kaj akademioj kaj proponi kontaktojn en landaj asocioj.
*Fonto: Esperanto, n-ro 1173, septembro 2004, p. 179*

## La membraro de UEA forte kreskas

Provizora statistiko fine de aŭgusto  montras, ke post kelkjara malkreskado la membronombro de UEA turniĝis en senteblan kreskon.  La malkresko ĉesis jam pasintjare, kiam UEA havis je unu individua membro pli ol en la jaro 2002, dum la nombro de aligitaj membroj jam tiam klare kreskis kaj superis per 715 la nombron de la antaŭa jaro.

Fine de aŭgusto 2004 UEA  nombris 5615 individuajn membrojn, kio superas per 167 la nombron je la sama  dato en 2003.  Rimarkinde estas, ke la nombro de aligitaj membroj jam nun estas je 606 super la definitiva rezulto en 2003, kvankam kvin asocioj ankoraŭ ne pagis tiun kotizon.  Surbaze de la ĝisnuna evoluo la Centra Oficejo antaŭvidas, ke la suma kresko de la membraro de UEA en tiu ĉi jaro estos ĉ. 1000.

Ĝojiga detalo estas, ke unuafoje de post 1997 ree plimultiĝas junaj individuaj membroj.

Fine de aŭgusto la junulara sekcio TEJO arigis  419  individuajn membrojn, kio jam superas  per 20 la definitivan nombron en  2003.  Kompare kun la fino de aŭgusto 2003 la junaj membroj plimultiĝis eĉ per 64.  Kreskas ankaŭ la populareco de la revuo "Esperanto", dum la nombro de membroj kun Jarlibro ankoraŭ estas sub tiu de la pasinta jaro.  Ĉar la nombro de unuamondaj aliĝintoj al la ĉi-jara UK estis apenaŭ duono de la pasintjara nombro, la Jarlibra kategorio ne profitis de la t.n. kongresa efiko.  Verŝajne ĝi tamen ankoraŭ ĉi-jare ĝuos tiun  profiton dank' al tiuj aliĝontoj al la UK en Vilno, kiuj pagos kongresan kotizon en la plej malmultekosta periodo antaŭ la fino de la jaro kaj samtempe kotizos ankaŭ al UEA.  Ke ankaŭ sen la kongresa efiko la membraro forte kreskis, estas aparte ilustre.  Tio promesas, ke ne temas pri hazarda fenomeno sed pri komenco de nova solida kresko de la Asocio.

*(el Gazetaraj Komunikoj de UEA)*

## Enciklopedio “Wikipedia” atingas unu milionon da artikoloj

*En la historio de Esperanto, gravas  por la progreso de la lingvo la vortaroj ĝeneralaj, terminologiaj  kaj enciklopediaj. Kian  enciklopedion jam havas Esperanto?*

*Jen informo pri Vikipedio, kiu estas reta, libere kunredaktata, multlingva enciklopedio. Sendube la plej granda lastatempa  kontribuo por la evoluo de  Nia Lingvo.*

La Fondaĵo 'Wikimedia' hodiaŭ anoncis la ekkreon de la miliona artikolo en la multlingva Vikipedio, ĝia projekto por krei liberan  retan enciklopedion (http://eo.wikipedia.org/). Vikipedio kiu  komenciĝis en januaro 2001 nun estas kaj la plej granda enciklopedio en la mondo kaj la plej rapide kreskanta, kun aktive evoluantaj  artikoloj en pli ol cent lingvoj. Preskaŭ 2500 novaj artikoloj  kreiĝas en Vikipedio ĉiutage, kun dekoble pli da ĝisdatigoj al nunaj  artikoloj.

Vikipedio evoluas tute per volontuloj kiuj kunlabore helpas,  ĝisdatigas, kaj revizias artikolojn. Ĝimi Vejlz *'Jimmy Wales'*, la  fondinto de Vikipedio, diris, "Fortas la ideo kunigi kaj disvastigi la scion." Ĉio verkiĝas laŭ la politiko de neŭtrala vidpunkto, kiu  devigas, ke kontribuantoj penu eviti reprezenti nur unu flankon  verkante artikolojn. Eĉ artikoloj pri polemikaj temoj evoluiĝas laŭ ĉi tiu politiko. Kontribuantoj konstruadas sur ŝanĝoj de aliaj kaj  tiel eraroj rapide foriras. "Ĉio estas tuj kontrolita de aliaj  kolegoj," diris Vejlz.

Vikipedio nun estas unu el la dek plej popularaj konsultverkoj en la  reto laŭ Alexa.com. Ĝi estas ĉiam pli uzata kiel rimedo por  studentoj, ĵurnalistoj, kaj tiuj kiuj bezonas startpunkton por esplorado. La pligrandiĝo de Vikipedio plirapidiĝis dum la pasintaj  monatoj kaj verŝajne ĝia grandeco duobliĝos post nur duona jaro.

Aldone, oni preparas fiksitajn versiojn de Vikipedio por KD-oj kaj  DVD-oj. Baldaŭ *'Directmedia Publishing'* eldonos germanan version.

Ankaŭ, oni inkluzivos dulingvan anglan/francan version kun la linuksa  operaciumo 'Mandrakesoft'.

Cetere, kun ĝia dediĉita komunumo de volontuloj, Vikipedio ankaŭ akiris reputacion kiel retejo por komunuma interagado. Pro tio, Vikipedio gajnis du internaciajn premiojn en 2004: la *'Prix Ars Electronica'* por "Ciferecaj Komunumoj" kaj *'Webby Award'* por "Plej Bona Komunumo".
Vikipedio funkcias per vikia programo nomata *'MediaWiki'*, kiu ebligas ke oni redaktu paĝon kaj tiu ŝanĝo tuj aperos ("wiki" signifas "rapida" en la havaja). Vizitantoj ankaŭ povas esplori pli malnovajn versiojn de artikoloj por vidi kiel artikolo evoluiĝis.
Ĉiuj tekstoj de la Vikipedio eldoniĝas per la Permesilo de GNU por Liberaj Dokumentoj (GFDL), kiu permesas ke kontribuantoj povu plibonigi kaj modifi sian laboron surbaze de la principo nomita *"copyleft"*. Tio signifas ke la permesilo permesas ke aliaj povu reuzi la artikolojn de Vikipedio tiom longe kiom ili pludonas tiun permeson al aliaj. La programo de 'MediaWiki' disponeblas sub simila permesilo por programaro.
Vikipedio pli kaj pli plurlingviĝas. Dum la pasinta jaro, la kresko de la neanglaj artikoloj multe pli rapide kreskis ol la anglaj. El la pli ol cent lingvoj en Vikipedio, 14 nun havas pli ol dek mil Artikolojn:
angla (http://en.wikipedia.org): 343.000; germana (http://de.wikipedia.org): 137.000;
japana (http://ja.wikipedia.org): 70.000; franca (http://fr.wikipedia.org): 51.000;
sveda (http://sv.wikipedia.org): 39.000; pola (http://pl.wikipedia.org): 37.000;
nederlanda (http://nl.wikipedia.org): 35.000; hispana (http://es.wikipedia.org): 29.000;
itala (http://it.wikipedia.org): 23.000; dana (http://da.wikipedia.org): 20.000;
portugala (http://pt.wikipedia.org): 15.000; Esperanta (http://eo.wikipedia.org): 14.000;
ĉina (http://zh.wikipedia.org): 13.000; kaj hebrea (http://he.wikipedia.org): 10.000.
Aldone al Vikipedio, la nekomerca fondaĵo 'Wikimedia' (wikimediafoundation.org) subtenas kelkajn plurlingvajn ĝemelajn projektojn, inkluzive de Vikivortaro (vortaro kaj tesaŭro ĉe wiktionary.org), Vikicitaĵo (citaĵaro ĉe wikiquote.org), Vikilibroj (kolekto de manlibroj kaj lernolibroj ĉe wikibooks.org), kaj Vikifonto (deponejo de publikdomajnaj dokumentoj ĉe wikisource.org).
Ĉiuj projektoj eldoniĝas sub la sama permesilo kaj funkcias per la programo de MediaWiki. La fondaĵo Wikimedia subtenas ĉi tiujn projektojn per donacoj de cent mil usonaj dolaroj kaj nun ili esperas ricevi 50 mil pliajn. Pli da informoj troviĝas kaj oni povas donaci ĉe http://wikimediafoundation.org/fundraising (http://wikimediafoundation.org/fundraising).
Retrieved from "http://meta.wikimedia.org/wiki/Translation_requests/PR-1mil/Eo:"
*Oficiala Informo de Wikipedia.*
*Inf. Fernando Inocencio*
*AEL- VicSekretario*

# Lastaj statistikoj de Projekto NESTO

*argent-reto, Adonis Saliba kaj Renato Corsetti*

La 23-an/09/2004, Projekto NESTO havas 1223 enregistritajn lernantojn por Nesto-KaPe, tamen 1083 estas aktivaj lernantoj kaj pri 140 nestidoj ni atendas reagojn.
NESTO-Gerda havas 86 lernantojn, tamen vere aktivaj lernantoj estas 84 kaj ni atendas reagojn de 2 Nesto-Gerdaj lernantoj.
Indas agnoski ke niaj retaj kursoj estas la plej sukcesa formo de kurso en la nuntempo (almenaŭ en multaj landoj). NESTO, lernu.net, kaj ĉiuj aliaj landnivele prizorgataj kursoj realigas la labor-planon pri instruado.
Tre bona estas en kelkaj kursoj, kiel NESTO, la sekvado de la lernantoj pere de malĉeestaj instruistoj.
Tre bona en kelkaj kursoj, kiel NESTO, estas la provo enirigi la lernantojn en la Esperanto-komunumon.
Ni jam atingis 63 landojn. La ĉefaj estas: BRAZILO (47%), HISPANIO (11%),
USONO (9%), MEKSIKO (7%), POLLANDO (5%) ARGENTINO (3%), ĈILIO (2%)

Ni vidas, ke multaj landoj estas en Ameriko, kaj ni esperas, ke la kunlaboro inter NESTO kaj la Amerika Komisiono pludaŭros. La Amerika Komisiono daŭre havas la problemon, krei kaj poste instrui multajn interesiĝantojn en la karibaj landoj kaj en kelkaj sudamerikaj hispanlingvaj landoj.
Ĉu ne estus penseble, instigi la kursfinintojn aliĝi senpage al <la-komunumo-ameriko@yahoogroups.com>, kie ili ricevus de tempo al tempo informojn sen la neceso pagi kotizon?

# Pripensante nian agadon

Inter esperantistoj la nombro de trafe agantaj ne estas granda. Krome niaj monaj rimedoj (nek aliaj) ne abundas. Do gravegas ke ni pripensu zorgeme kiel utiligi kiel eble plej trafe niajn eblecojn por atingi maksimuman rezulton.
Bazaj celoj de praktika agado estu: flego de daŭra entuziasmo de nunaj esperantistoj kaj pliigo de ties nombro.
Certe la Centra Oficejo de UEA plenumas tiucele admirindan laboron. Sed tio ofte ne okazas ĉe la lokaj E-grupetoj dissemitaj en la tuta mondo. Ili povas multe pli efike konigi la ekziston de Esperanto kaj ties idealojn. Estas multegaj homoj kiuj eĉ ne konas la vorton “Esperanto”, tial ne interesiĝas pri ties signifo.
Se ĉie ajn, kie troviĝas esperantistoj, aperus bone videble la nura vorto “Esperanto”, tio helpus multe al nia afero. Afiŝojn, ĵurnalojn, radion kaj televidon ni povas utiligi pli ofte por dissemi informon pri nia lingva juvelo. Ankaŭ rekomendindas aperigi en niaj publikaĵoj pli da konsiloj kaj stimuloj por varba agado. Ni priopensu tion kaj agu!
*D-ro Werner Schad*

# E-Kurso en *Córdoba*

Finiĝis la kurso de Esperanto ĉe *"Hogar Illia"*, kiu daŭris ok monatoj. Okaze de la ricevo de la atesto pri lernado, la 10 kursfinintoj kun la instruisto, d-ro Marcelo Casartelli, kunvenis en urbo-centra kafejo la 26-an de novembro 2004. Gratulojn al ili!

## 3-a Kongreso Internacia de la Lingvo

Inter la 17-a kaj la 20-a de novembro 2004 okazis en urbo Rosario la 3-a Internacia Kongreso de la Lingvo Hispana. Preskaŭ oni ne bezonus rimarki ĝian gravecon por la hispana, kiu estas parolata en pli ol 20 landoj en la mondo. Ĉeestis la plej altaj aŭtoritatoj de la Hispana Reĝa Akademio, la Reĝoj de Hispanio kaj mondfamaj hispanlingvaj lingvistikoj kaj verkistoj, i.a. la Nobel-premio pri Literaturo José Saramago.

### Oni menciis Esperanton

Ni ne esperis mencion, kaj unu almenaŭ aperis kadre la de 3-a Kongreso de la Lingvo. Oni povas interpreti ke estas laŭ la tradicia maniero konsideri Esperanton venkita aŭ konsideri ke temas pri simpla konstato. Tomás Eloy Martínez intervjuita de ĵurnalo *Página12* diris:
***–¿Pero qué sucede con el inglés?***
–En Oriente y Occidente nos relacionamos ahora en inglés porque es una lengua franca, de entendimiento común entre muchos países. Hace poco fui jurado de un concurso del arte del reportaje en Alemania, que daba 100 mil euros al mejor libro de reportaje escrito literariamente. Me tocó evaluar los trabajos en la lengua castellana y portuguesa. Los miembros del jurado nos entendíamos en inglés. Trabajamos con una lengua común, que no sabemos hasta qué punto es la lengua franca de este tiempo, el equivalente a lo que a comienzos del siglo XX se pensaba que sería el esperanto y a lo que ahora se piensa que es el inglés. Cada una de las lenguas tiene su vitalidad: el castellano es la cuarta lengua del mundo, pero la primera lengua en fuerza,
intensidad y penetración dentro de las lenguas romances derivadas del latín, como el italiano, el francés y el portugués.
*Jozefo Lunazzi, Argentino/Brazilo*

## Informo de la Ĉefdelegito

Argentinaj ge-samideanoj:
Antaŭ ĉio, mi deziras bonajn finjarajn festojn kaj prosperan novan jaron! La jaro 2004 finiĝas, kaj malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj, ni daŭre laboras por Esperanto. Multaj el vi demandas, kiamaniere oni povas pagi la 2005-ajn kotizojn al UEA? Kiel ĉiam, ĝi estas tre malfacila tasko, pro la altaj kostoj kiujn ni alfrontas, kiam ni sendas monon eksterlanden.
Do, NUR por tiu ĉi jaro, vi havas tiun ĉi rimedon:
1) Sendi "fulmrapidan ĝiron" pere de la oficiala poŝto, al la prezidanto de AEL:
Alcides Pieter Wentinck -DNI 93.709.394-
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida - Vicente López
Buenos Aires
Se vi re-aliĝos kiel IM , vi devas sendi $110 - [argentinaj pesoj cent dek] (pli-malpli EUR 27), al li. Alia ebleco estas deponi la menciitan monon en lia banko-konto: Banco Francés :
147-005789/3, je la nomo de Alcides Pieter Wentinck, (ne forgesu sendi retmesaĝon al li, kun la ĝustaj informoj pri via depono!).
2) Vi povas aldoni "krom-monon" por pagi vian venontjaran aliĝon al AEL ($15 por aktiva membro, $5 por emerituloj, junuloj, studentoj).
Ankaŭ oni povas aldoni, en la sama fulmrapidan ĝiro, monon por subteni la ĉeeston de AEL en UEA (por la jaro 2005, AEL devos pagi preskaŭ EUR 40 = $ 160 por siaj "100 aligitaj membroj"). Do, ĉiu kontribuaĵo estos bon-vena! Kelkaj el ni jam subtenis tiun ĉeeston. Sed ankoraŭ mankas iom pli da mono.
La limdato por sendi la ĝiron / deponon estas: 16-a de decembro. Post tiu limdato, ni NE POVOS sendi la eŭrojn al Eŭropo, ("viaj eŭroj" rekte flugos al Nederlando, do, vi ŝparos multege da mono pro nepagitaj sendokostoj).
Profitu tiun ĉi eblecon!. Re-aliĝu al UEA kaj al AEL. Bv. nepre sendi viajn dezirojn/informojn/dubojn al la AEL-prezidanto wanelec@sion.com
Amike via,
*Rubén Sánchez, UEA-Ĉefdelegito*

## Reflexión

*Señor,*
*concédeme la serenidad de aceptar*
*las cosas que no puedo cambiar,*
*el entusiasmo para cambiar las cosas que sí puedo,*
*y la sabiduría para comprender la diferencia entre ellas.*

El la leterkesto

### Bondeziroj!

Karaj gesamideanoj: Mi estos ĉeestanta ĉiam en la tosto pro la memoro de D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof, la Tago de la kara Lingvo Internacia Esperanto. Mi ne povas partopreni en viaj kunvenoj kaj mi ne povas pagi la AEL-kotizon, sed mi gratulas vin pro via agado, kaj altestime salutas s-anon Alejandro Cossavella. *(*)*
Vivu Esperanton! Antaŭen Argentina Esperanto-Ligo, BEA, kun la Argentina Esperanto-Lernejo!
Bonŝancon kaj bonan sanon!
*Nélida Monasterio, Bolivar, Buenos Aires*
*(*) Vd. Argentina E-Vento n-ro 19, p. 5*

## “Malfermita revuo estas por ĉiuj”

Paŝo post paŝo vi plibonigas kaj riĉigas la novajn numerojn de *"Argentina E-Vento"* ili estas tre, tre bonkvalitaj! Mi gratulegas vin pro tio, kaj pro la gravega laboro kiun vi faras por la internacia lingvo. Via respondo estas supera, la revuo bezonus sekcion, aparta de interŝanĝo de opinioj kaj novaĵoj ĉiukampaj, subskribitaj de la koncernaj respondeculoj. Kompreneble, ĉiam asertante la neŭtralecon de la Lingvo Internacia, la revuo kaj ĝia redakcio. En la praktiko, la **cenzuro** kaj la nur unuflanka opinio: pli frue, aŭ pli malfrue, mortigas la entreprenojn! Gratulegojn pro via stilo! **Malfermita revuo estas por ĉiuj.** Kiam oni pretos fari tion 'funde', mi povus sendi artikolojn, kaj ankaŭ, pri iu ajn temoj (kompreneble, kun mia kriterio propra, kaj subskribitaj de mi mem). *Alfredo J. Valle, Bonaero*

Anoncoj

## Feliĉan Zamenhofan Tagon!

La 15-an de decembro la esperantistoj tutmonde triope festas la Zamenhofan Tagon, la Esperantan Tagon kaj la Tagon de la E-Libro. Tiel oni memoras ke la 15-an de decembro 1859 en Bjalistok, en la sino de la familio Zamenhof, naskiĝis Lazaro Ludoviko, kiu je sia juneco estis la kreinto de la Internacia Lingvo Esperanto, kaj dum sia tuta vivo, Li estis la plej grava esperantisto. Post 117 jaroj multe ŝanĝis la mondo, sed iom post iom la valoro de Esperanto pli kaj pli aktualiĝas kaj estas agnoskata kiel neŭtrala, paca kaj vera internacia lingvo.

## Kalendaro 2005

**19-23 julio:** 40-a Brazila Kongreso de Esperanto, Porto Alegre, Brazilo.
**23-30 de julio:** 90-a Universala Kongreso de Esperanto, Vilno, Litovio.
**31julio-7aŭgusto:** 61-a Internacia Junulara Kongreso, Zakopane, Pollando.

## Libroservo

Para obtener material impreso en y/o sobre esperanto consulte al Libroservo de AEL,
visite nuestra página Web,
o escriba a: René Arce, 9 de Julio 1586, X5000 Córdoba

**Visite la página Web de AEL:**
**www.esperanto.org.ar**
y envíe su opinión, sugerencias y/o informe, a: <esperanto@neunet.com.ar>


=====================================================
**Sendas:**
**Redakcio de**
**Argentina Esperanto-Ligo**
**Calles 119 y 122**
**AR-H3700 FTT Pres. R. Sáenz Peña, Chaco**
**Argentina**
=====================================================